# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 2910/2015 Ducentkvardekunua eldono 29/10/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

## El Ĉinujo 中国武汉 Roĝer vizitas Ĉinujon ĝis 29-Novembro -2015

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Sendu respondojn novaĵon (eĉ mallongan), bildojn, fotojn al mi rspring@tpg.com.au

Mi pardon petas. Kelkaj informis ke la elsendo de AE240 fuŝiĝis iomete.

Ĉar mi ne havas la eblecon de Ĉinujo scii kiuj ĝin ricevis aŭ ne, ĉi foje mi sendas AE 240 kaj 241 , Mi ankaŭ avizas la nericevintojn iri al la AEA retpaĝo por kopioj, ĉar ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je tiu adreso.

(crl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estas pli ol 166,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 94. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Prepozicio aŭ Akuzativo? D. Postskribo 1.

Zamenhof decidis ankaŭ, ke oni povas transitivigi netransitivan verbon, simple ŝanĝante iun ajn prepozitivon en la akuzativon, nomante tiun akuzativon (Rekta) Objekto kaj do nomante la verbon transitiva. Pro tio ni teorie povus ankaŭ

(retro)ŝanĝi ĉiun objektan akuzativon en prepozitivan objekton, ekz. “Li amas mian fratinon” al “Li amas je mia fratino”. Oni ankoraŭ ne faras tion, ĉar uzi objektan akuzativon estas pli klara, ekz. “Li dormis la dancadon” povus signifi la intencitan “Li dormis pri la dancado” kaj la kutiman “Li dormis dum la dancado”. Do kelkfoje teoriaj ebloj en lingvo, inkl. Esperanton, ne eblas praktike, pro naturaj kaŭzoj aŭ reguloj. Ekz. “I dreamt this beautiful night” povas signifi objekte “about this beautiful night” kaj prepozicie “during this beautiful night”.

Marcel Leereveld.

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



★La Esperanto-Domo de EFNSK havas nur unu gastdormejon. Ĝi havas 2 dupersonajn litojn kaj 2 unupersonajn litojn en la ĉambro. 4 ĝis 6 esperantistoj povas resti tie samtempe. Ĉar, sed malofte, vi ne estos la sola gasto en la dormejo, ni devas scii, ĉu vi estas viro aŭ virino por ke vi ne estu kun nekonata persono de la alia sekso sen via konsento.

★

Esperantistoj sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario de la Esperanto Federacio de NSW retmesaĝe al efnsw@tpg.com.au (crl+klaku la veran ligilon)

★

Kam Lee kaj May O’Halloran venos la 29an de Oktobro ĝis la 4a de Novembro.

Lyudmila Kelloway 5an de Novembro ĝis 11a de Novembro

Tomiko Otagiri kaj ŝia frato. Ili deziras restadi de la 21a ĝis la 25a de Novembro

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

Vi bezonas nur 5 minutojn ĉiun tagon por tiu programo. ☺★★★



## La Melburna Esperanto-Klubo

### kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"La membroj de la Melburna klubo bonvenigis novajn lernantojn pasintan lundon.



Dum la kunveno ni debatis multe pri la avantaĵoj (aŭ ne) de nia lingvo.

Partoprenantoj estis Marcel, Karlo, Ken, Esther, Tristan, James, Heather, Esan kaj Yask."

**"ANONCO**

La Zamenhofa Festo okazos je 6.30 ptm la 12an de Decembro 2015 ĉe la "Melbourne Unitarian Peace Memorial Church" 110 Grey Street, East Melbourne.

Ĉiuj estas bonvenaj. Heather Heldzingen 19/10/15



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Kvankam brizo blovis el la maro, la suno varmigis Manlion. Je la kafejo. Ian Wylless rakontis sian ferion en la Hunter Valo, bone konata regiono de NSW. Tie, li tendumis en la arbustejo, malstreĉiĝis kaj enspiris la freŝan aeron kaj la paceman etoson de la ĉirkaŭaĵo.

Eble li vizitis ankaŭ unu-du vinberejojn kaj gustumis iom da bongusta vino.

Chris Holliss 17/10/15

# "Iloj por Esperantistoj"

Kara Roger. En la Novaĵletero 240 vi mencias kelkajn "Iloj por Esperantistoj"-n.

La scio pri la Esperanto-gramatiko estas unu el la plej gravaj "iloj" por esperantistoj. (Mi supozas, ke Marcel Leereveld samopinias. ☺)

Pro tio mi permesas al mi atentigi pri mia malgranda Esperanto-gramatiko, kiu haveblas en angla, germana kaj dana versio.

(Vidu http://esperantocxemizo.saluton.dk/esperanto-gramatiko .)

Komentojn pri la lingvaj eldonoj oni trovos sur la indikita hejmpaĝo. Jes, mi varbas por mia produkto. La prezo de ĝi montros al vi, ke mi varbas por senprofita agado.

Kluboj pripensu mendi 10 ekzemplerojn por ricevi rabaton kaj malaltigi la popecajn sendokostojn




Kun danko pro via bona laboro por Esperanto mi salutas amike,

Peter Weide

# JEN IO NEDEBATEBLA.



Oni ne povas ĉiam fidi etnajn lingvojn. Ekzemple en la angla estas esprimo "That is debatable", kiu signifas, ke tio estas necerta, ĉar oni povas debati pri tio. Sed en Aŭstralio oni komencis uzi la esprimon en la kontraŭa signifo, nome "Tio estas certa". Tradukante nuntempe tiun esprimon en Esperanton, oni unue devas en ĉiu aparta kazo eltrovi, ĉu

la aŭstrallingva signifo de "debatable" estas AŬ "certa" AŬ "necerta". Granda diferenco! Estas konsilinda, ne uzi en Esperanto la vorton "debatebla", sed la veran signifon "necerta" aŭ, aŭstralie, "certa". La angla uzo estas plej ofte adverba, "debatably", kio do estas "necerte" aŭ "certe", ekz. "He is debatably the strongest player", "Li estas (malĝuste) certe aŭ (ĝuste) malcerte la plej forta ludanto".

Simila eraro kaj misuzo estas la vorto "unisex barber", kiu signifas "hartondisto unuseksa, por nur unu sekso". Mi ĉiam demandas " por kiu sekso?". Ĝi devas esti "ambisex", "(ambaŭseksa"), kiel en "ambidexter".

Plia nefidindaĵo en la angla lingvo estas "brainwashing", kio signifas "purigi la menson", dum la signifo donita al ĝi estas la kontraŭo, "malpurigi la menson, per sugestado". En Esperanto ni devas esti logikaj, kaj do uzi "menspolucio".

Marcel Leereveld.

# La Adelajda Esperanto-klubo.

Jen foto kaj kelkaj vortoj pri nia hieraŭa (24/10/15) kantposttagmezo.



Lastan sabaton- laŭ malnova tradicio - kelkaj Adelaidaj esperantistoj kunvenis ĉe Indrani, babilis, manĝis kaj ..... jes ..... kantis.
Kompreneble mankis Katja kaj Trevor, kiu havis alian "kontrolitan" korhaltigon kaj reeligon. Amike Sandor Horvath

## Dekmilionoj da loĝantoj en unu urbo? Ne problemas!

Dekmilionoj da aŭtoj kreus grandajn problemojn, Ekzistas regulo ke la lasta numero de la aŭtoj devas akordi kun la dato por uzi la urbajn pontojn. Sed la nombro da aŭtoj kreskas.

La solvo estas trajna sistemo tiel bona ke homoj ne bezonas aŭtojn en la urbo.

Jam funkcias 4 linioj. La urbo volas ke 12 linioj funkcios en 2017. Materialoj, homoj,

mono, ne estas problemoj. Se apartamentoj ĝenas la projekton , ili estas detruataj. Ĉie homoj laboras. Malfacilaĵoj de aliuloj estas ignorataj. La progreso gravas.
La subtera linio no 4 havas 6-vagonajn trajnojn, kun 100 km./h de maksimuma rapido, sed kutime 80 km./h de maksimuma rapido, kaj 36.6 km./h averaĝa rapido por voĵaĝo inkluzive de la haltejoj Plena trajno provizas 176 seĝojn kaj povas porti 1276 pasaĝerojn laŭ ĉina regulo de 9 homoj por unu kvadrata metro. Ili alvenas ĉiujn 2an minuton.





**Se vi ne informas min, AE ne povas informi niajn 315 ricevantojn.**

Sendu novaĵon eĉ mallongan, bildojn, fotojn al mi eĉ dum mia foresto en Ĉinujo



# 3ZZZ Retradio

Ĉisemajne, (la 26an de oktobro,) la elsendo en la radio 3ZZZ proponas al vi krom artikoloj pri diversaj temoj intervjuon de José Maria Salguiero pri la nova hispana politika partio Podemos.

Nun la radiostacio gardas la elsendojn pli longe en sia retejo www.3ZZZ.com.au. Krome eblas aŭskulti el la arkivoj de la Melburna Esperanto-Societo www.esperanto.com.au

Dezirante al vi agrablan aŭskultadon, Franciska Toubale

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 | 235 | 236 | 237 | 238 | 239 | 240 | 241 | 242 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | | | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas










